

# Boletín

nº 397 januaro - marto 2012




71a Hispana Kongreso en Almagro (Reĝurbo)

Asociación de utilidad pública



# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio

Aperanta de 1949

Numero 397

**Redakto-skipo**

Direktado kaj kompostado: Juanjo Vera

Revizio: Miguel Hernández, Jesus García Cano kaj Alejandro Pareja.

Retadreso de la bulteno: bulteno@esperanto.es





**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Konto en BBVA: 0182-1252-31-0204011961

Tel (34) 914 468 079 (bv. lasu mesaĝon en la aŭtomata respondilo).





Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza

DL-Z-334-90


# Salutvorto

Karaj anoj de HEF,

La Hispana Kongreso 2012, kiu okazos en Almagro, Reĝurbo, alproksimiĝas. Dum ĝi ni faros nian Ordinaran Ĝeneralan Kunvenon (OĜK) kies ĉefa kialo estas la aprobo de la kontoj kaj raporto de aktivaĵoj 2011 kaj buĝeto por 2012 (kiujn vi trovos en ĉi numero de Boletín kun la alvoko de la Prezidanto al OĜK). La ĉi-jara HK promesas esti plenplena de bonegaj programeroj, serĉante atingi la altnivelan laton lasitan de la pasintjara HK en San Lorenzo de El Escorial, kiel vi mem povos vidi legante la provizoran programon paĝoj poste.

Sed ankaŭ dum la ĉi-jara OĜK okazos la tuta renovigo de la Estraro pro fino de la kvar-jara mandato (2008-2012), konforme al la Statuto de la Asocio. Do, la anoj de HEF devos elekti novan estraron por la venontaj kvar jaroj (2012-2016). Vi ĉiuj konas la tradiciajn malfacilojn por havi sufiĉajn kandidatecojn, kaj la problemojn de la eliranta Estraro, kiu suferis la demision de du prezidantoj kaj unu voĉdonanto kaj ne trovis relativan stabilecon ĝis la pasintjara Eksterordinara Ĝenerala Kunveno (EĜO), kiam oni denove plenigis ĉiujn postenojn kaj klopodis ŝanĝi la propran agadmanieron.

Mi ne dubas, ke ni ĉiuj membras en HEF por apogi la disvastigon de la Internacia Lingvo kaj samtempe ni ne esperas ricevi iun rekompencon pro nia

*Daŭrigas en la paĝo 2*

# E N K O N D U K O



*Kovrilo: Afiŝo de la 71a HK. Aŭtoro:* ***Pedro de Arce Trujillo***

★ ***Partoprenu rete en la agado de HEF, kaj en la debatado pri ties estonto. Aliĝu al la reta forumo de la HEF-anaro:*** *http://es.groups.yahoo.com/group/hef-anaro*

★ ***Ĉu vi volas sendi viajn artikolojn, fotojn, novaĵojn, ktp pri via esperanta asocio aŭ grupo? Vi povas sendi rekte al la retadreso de "Boletín". Por la venonta numero, la 398a, la limdato estas la 15a de junio de 2012!*** ***Ni atendas viajn kunlaborojn!***

*Alvenas de la pağo 1*

volonta agado, kiu povas konkretiĝi ĉu nur pagante la kotizon, ĉu partoprenante en eventoj, ĉu persone disvolvigante taskojn en la ĉiutaga agado de la Asocio. Tamen HEF vivas en reala socio, kiu regas pere de leĝoj, kiujn la Asocio devas plenumi. Tio signifas, ke oni bezonas Estraron, kaj do, estraranojn, konkretajn homojn kiuj nome de la Asocio kunordigas ĝian agadon kaj reprezentas ĝin antaŭ la socio. Vere, ke la estraraj postenoj estas tute volontaj, kaj tute ne pagataj, kaj kelkfoje ne tro eltenaj, sed ili ankaŭ donas grandan kontentiĝon kaj fierecon por kontribui teni la flamon de Esperanto vivan.

Do, nome de la Estraro, mi invitas al vi ĉiuj kandidatiĝi.

Ni vidos nin en Almagro! Amike

Sekretario ***Félix Manuel Jiménez Lobo***




Informo kaj mondonacoj:

Bankonto:

2100-2149-31-0100165085 de la Caja de Ahorros y Pensiones "La Caixa".
fundacion@esperanto.es

# 71-a Hispana Kongreso

Karaj samideanoj,

Kiel Miguel Fernández trafe proklamas en aldona artikolo, la kunlaboro de multaj el niaj plej elstaraj samideanoj ebligis ke nia venonta Hispana Kongreso en Almagro iĝu unika evento, kiun oni bedaŭrus maltrafi. Ni kune ĝuos eksterordinare riĉan kulturan programon, sen forgesi la aktivaĵojn, kiuj ebligos nin pli koni la landon de Don Kiĥoto en diboĉa esperantista etoso.

La LKK de la 71a Hispana Kongreso elkore dankas ĉiujn, kies iluzio kaj bonega laboro efektivigis ĉi tiun projekton, kaj ne forgesas tiujn, kiuj sindoneme kontribuis al ĝia realiĝo per aliĝado, eĉ sen persone partopreni ĝin. Ni nuntempe prilaboras la definitivan enhavon, sed jam povas konfirmi kelkajn el la programeroj kiujn ni esperas ĝui kun vi.

Oni nomas Almagron "Ĉefurbo de la teatro", do nia unua kontakto kun la kongresa urbo nepre estu vizito al la **Nacia Muzeo pri Teatro**, ĉe la antikva sidejo de la Ordeno de Kalatravo. Tie ni povos admiri centojn da vestaĵoj, maketoj, desegnoj, kaj buntaj artaĵoj rilataj al nia teatra historio. Tuj poste, oni inaŭguros **ekspozion pri nia lingvo** kaj ĝia kulturo, ĉe la sidejo de la Popola Universitato kaj antikva var-tenejo de la familio Fugger, per kiu ni komencos neformalan **promenadon tra la urbo**, elstara ekzemplero de la iama tipa manĉa vilaĝo. Ni akutimiĝu al ĝiaj blankaj domoj kun lignaj kortoj kaj lukse ornamitaj pordegoj, kiel la sidejo de nia kongreso, 17a-jarcenta palaco de la grafoj de Valparaíso.



*Campo de Criptana*



*Palaco de Valparaiso*

Sabate matene okazos la solena malfermo kun lokaj aŭtoritatoj, kronita per **koncerto de *Kvaropa Sinkopo***, kies ĥoraj versioj en esperanto de konataj kantoj certe surprizigos nin. Per ĝi komencos la superba kultura kaj distra programaro de nia kongreso: **prelego de Nicola Ruggiero** pri Islando kaj literaturo en nia lingvo, **kurso por komencantoj**, **prezentado de priesperanta kart-ludo** elpensita de Abel Montagut... oni eĉ povos ĝui **profesian masaĝadon** se la intensa aktivado iĝas tro streĉiga!

Nepras, kompreneble, konatiĝo kun la

juvelo de Almagro: la Teatra Korto (*Corral de Comedias*), la nura teatro en Hispanio kiu ankoraŭ konserviĝas ĝuste same ol dum la 17a jarcenta *Ora Epoko*. Fakte, ni ne nur vizitos ĝin, ĉar ni havos la ŝancon spekti humuran teatraĵon en la hispana per kiu oni klarigas la iaman funkciadon de tiu historia konstruajo. Post tio ni pretos sperti la, laŭ ni, Okan Mirindaĵon de la Mondo: sunsubiro en Manĉo. Pablo Busto enkondukos nin en la astronomia scienco, kun subĉiela **ateliero pri stel-observado**. Tiam ni lernos kiel uzi binoklon kaj teleskopon, kiujn stelarojn aŭ planedojn oni kapablas vidi nudokule kaj la bazajn leĝoj pri la movado de la firmamento.



*Teatra Korto (Corral de Comedias)*

Dimanĉe okazos la **Ĝenerala Kunveno de HEF**, pri kies enhavo ni aparte informas per la oficiala alvoko kaj aldonitaj dokumentoj. Ne maltrafu la ŝancon partopreni, demandi, proponi kaj debati pri la agado de nia kara asocio, ĉar la kontribuo de ni ĉiuj nepras por la realiĝo de niaj projektoj!

Venos poste la unua parto de la **Omaĝo al la Ibera Skolo**, avangardo de la literaturo en Esperanto. Kiel vi povas imagi, por la LKK estas vera honoro ke ili elektis nian kongreson por kune celebri ilian dudekjariĝon, kaj ni ankoraŭ ne trovis la manieron danki ilin pro tio. Miguel Fernández pasie atentigas nin en aparta artikolo de ĉi tiu bulteno kaj pri tiu evento, kaj pri la teatra spektaklo **Vivu la teatro!**, apoteozo de la kultura flanko de nia programo, kiun ni povos ĝui tiunokte en la Teatro Municipal de Almagro, neoklasika konstruajo kiu ĉefrolas la kulturan vivon de la provinco.

Duum la vesperoj okazos **Kina Festivalo**! Dum tiuj ĉi lastaj jaroj multe progresis la kina produktado en Esperanto. Tre diversaj ĝenroj kaj formoj trovis sian vojon al nia lingvo, helpitaj de la novaj manieroj de distribuado kaj elsendado kiujn la novaj teĥnologioj ebligas. Ni programis do malgrandan kinan festivalon ene de la kongreso, kun filmoj tre diverspecaj. Ni projekcios premiere en Hispanio du filmojn pri Esperanto kaj ĝiaj parolantoj, sed ambaŭ profesiecaj kaj ne movadecaj.

"La universala lingvo" estas filmo de la usona premiita reĝisoro Sam Green, aŭtoro ankaŭ de aliaj dokumentfilmoj kiel "The Weather Underground" kaj "Utopio en kvar movoj". La 30-minuta filmo kaj spuras la historion de Esperanto kaj estas portreto de la hodiaŭa Esperanto-movado. En ĉi tiu pionira dokumenta filmo pri la lingvo, Green kunplektas intervjuojn kaj portretojn: kiujn li filmis ĉe pluraj lastatempaj Universalaj Kongresoj kun trezoro da neniam viditaj arĥivaj bildoj pri Zamenhof kaj la frua

Esperanto-movado. La filmo ankaŭ inkluzivas intervjuojn kun Humphrey Tonkin, Arika Okrent kaj multaj aliaj.

"Esperanto" estas filmo de Dominique Gautier, mendita de la Eldona Fako Kooperativa de SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda). La elekto de la ĉefaj temoj traktitaj en tiu dokumentfilmo ebligos atesti pri la hodiaŭa vivo de Esperanto : la internacia komunikado, la origino de Esperanto, ties kreado kaj la celoj de L. Zamenhof, la lingva strukturo, la lernado, la ideologio, la Kongresoj intaj kaj nunaj, la movada organizado, la kultura produktado, la evoluado de la lingvo kaj ties diversaj uzoj (kunvenoj kaj kolokvoj internaciaj, vojaĝoj, gepatra lingvo...), ties agnosko far internaciaj instancoj kaj far intelektuloj, la estonto de Esperanto (la esperoj kaj la komencitaj agoj).

Tute alispeca estas **"Stranga Nupto"**, amatoraĵo filmita de iamaj anoj de Madrida Esperanto-Liceo ĉirkaŭ 1980, kiu ege amuzis la ĉeestantojn al la lasta Zamenhof-festo en Madrido pro sia iom stranga karaktero kun almodovareskaj trajtoj. Ni ĝuos la ĉeeston de la ĉefaktoro (kiun partoprenantoj de la kongreso malkovros surloke), kiu povos rakonti al ni la specialajn cirkonstancojn en kiuj la verko estis filmita. Ni ne volas malkaŝi la surprizon.

La de multaj jam konata "*El coche de pedales*" ("La pedalaŭto"), de la reĝisoro Ramón Barea, kun Álex Angulo, estos elsendata en malferma aparta programero, por loĝantoj de Almagro kiu deziros konatiĝi kun profesia filmo kun aparta rolo de nia lingvo.

La programo ankaŭ inkludos la projekcion de aliaj filmoj parolataj en Esperanto aŭ subtekstigitaj al nia lingvo.

La Kongreso estos bona ŝanco por pritrakti la nunan staton de nia movado, ĉefe tiun lokan kaj retan. Pro tio ni organizos **rondan debaton pri esperanto-agado en la kluboj kaj en la reto**. Kiun estonton havas la lokaj kluboj? Kion ili povas fari por altiri novajn membrojn, kaj disvolvi pli viglan vivon? Kion HEF povas fari por tiu celo? Por neniu estas sekreto ke la tradicia kluba vivo, ne nur en esperanto, ne trapasas la plej bonan momenton. La ŝanĝo de la moderna vivo igas malfacila la konstantan ĉeeston kaj partoprenon en kluboj. Sed samtempe klubo estas la plej adekvata referenco por novuloj, kiuj deziras sperti persone la taŭgecon kaj vivantecon de nia lingvo. Ni do programis rondan debaton, en kiu ni provos trovi ideojn por plivigligi la lokan agadon, lernante en la spertoj de aliaj, kaj esplorante kiamaniere iuj grupoj povas kunlabori kun aliaj, kaj kun la regionaj, landaj kaj tutmondaj asocioj. Ni petas la ĉeeston kaj partoprenon de reprezentanto de la grupoj agantaj en Hispanio. Bonvolu anonci vin ĉe la kontakto de la estraro de HEF.

La alia flanko de la medalo estas la reta agado, kiu nuntempe spertas fortan vigliĝon. Kiel meti ambaŭ mondojn en kontakto? Kiel integri la retajn lernantojn en la rondoj de la jam organizitaj parolantoj, kaj specife de la jam ekzistantaj grupoj kaj asocioj? La reta debato povas taŭgi ankaŭ por aŭskulti kaj debati al priajn spertojn, kaj por studi kiel plibonigi la kontakton de la homoj kiuj lernas nian lingvon en tute malsamaj medioj.

Por la retaj kaj alitipaj lernantoj, specife por tiuj kiuj ĝis nun apenaŭ havis kontakton kun la organizita movado, ni programis specialan renkonton. Ke junaj kaj novaj esperantistoj povos establi kontakton kaj, eble unuafoje, sperti la realan komunikadon

en nia lingvo, tio povas fariĝi unika sperto, por kiu la kongreso espereble montriĝos taŭga scenejo.

Ĉu via asocio, klubo, iniciato, deziras prezentiĝi al la cetera esperanta movado, hispania kaj vizitanta? La kongreso en Almagro povas fariĝi la perfekta scenejo. Ni rezervis unu specialan malferman programeron, en kiu ĉiu grupo povos **prezenti sian agadon kaj siajn projektojn**. Ankaŭ informoj pri eventoj, kongresoj, semajnoj kaj renkontiĝoj estos tre bonvenaj.



*Kaj Tiel Plu*

Vi disponos de la sceno dum tempo sufiĉa, sed kiun ni konkretigos surbaze de la petoj. Tial, bv. anonciĝi sufiĉe frue por ke ni povu disdoni la necesan tempon. Vi ankaŭ rajtos disdoni flugfoliojn, broŝurojn, pendigi afiŝojn, ktp, kvankam la organizantoj petas ke vi konsultu por ordigi la informadon. Krome, la kongreso povos disponi salonojn por internaj kunvenoj de asocioj. Estas konvene ke vi anoncu viajn planojn al la organizantoj, por distribui la spacojn, kaj, se necese, informi la interesiĝintojn.

Se parolante pri Manĉo, oni ne povas eviti ke nia menso vojaĝu al la mond-famaj vent-muelejoj kaj la sceno de nia plej universala verkaĵo kiun ili ĉefrolas. Do, la organizantoj de la kongreso ne volas ke vi, verda donkiĥotoj, maltrafu la ŝancon mem-batali kontraŭ ili. Lunde ni ekskursos al **Campo de Criptana**, vilaĝo kronata de la muelejaj simboloj de nia regiono. Tie ni lernos kiel ili funkcias kaj promenos tra la tipaj mallarĝaj stratetoj de la kvartalo Albaicín (modesta omaĝo al la reviga Granado). Oni eĉ povas viziti muzeon dediĉitan al Sara Montiel, la plej fama filino de tiu urbo.

Krom la muelejoj, la alia kialo pro kiu Manĉo estas monde konata estas ĝiaj vinoj. Ni persone kontrolu ĉu prave aŭ ne, ĉar en Criptana **ni vizitos tradician vinkelon**, Bodegas Castiblanque. Tie ni malkovros la manieron produkti tiun eliksiron kaj jes, ni havos la ŝancon surloke gustumi kelkajn.

Reveninte en Almagron, se oni havas sufiĉan tempon, ni povas viziti la **Etnografian Muzeon**, tre lerniga pri antivkaj metioj kaj la vivo de la loka loĝantaro antaŭ du generacioj.

Tiu aktiva tago kulminos per amuzega maniero: surplaca koncerto de unu el la plej elstaraj muzik-grupoj en nia lingvo, **Kaj Tiel Plu**. Tre certe ĉiuj vi konas ilin, do la nuraj vortoj kiujn ni povas aldoni estu la plezuro, kiun ni sentas pro kalkuli je ilia ĉeesto. Atentiga estos ankaŭ la ĉeesto de **Alejandro Cerro**, loka kanzonisto, kiu surprizigis nin per sia nova tang-ritma kanto en nia lingvo.

La lastan tagon de la kongreso okazos prelego pri unu el la plej elstaraj projektoj de

nia asocio: tiu pri **bitigado de nia bibliotekaj fondusoj** kaj la eblecoj kiujn ĝi malfermas. Ni nur povas admiri kaj gratuli la profesiegan laboron de la laborgrupo kiu de antaŭ multa tempo zorgas pri la realiĝo de tiu agado. Tuj poste Miguel Gutiérrez Adúriz premiere **prezentos du interesplenajn verkaĵojn**, ĵuseldonitajn en Esperanto: "*Tridek kantoj el la hispana lingvo*" de Svena Dun (eldonejo mga), kaj *"Ne ekzistas verdaj steloj",* de Liven Dek (eldonejo Mondial).

La oficiala programo finos per du aktivaĵoj kiuj bezonas la partoprenadon de ĉiuj partoprenantoj:

**Peĉakuĉo!** Originala prelegaro kun kelkaj reguloj, kiuj vigligas kaj amuzigas la prezentadon: oni povas prelegi pri iu ajn temo, ne gravas ĉu serioza aŭ ne, sed rajtas montri nur 20 bildojn kaj paroli nur dum po 20 sekundoj pri ĉiu bildo. Elektu ideon, kolektu rilatajn bildojn kaj kuraĝu prezenti ĝin laŭ tiuj reguloj! Por plia informo ne dubu kontakti nin.

**Aŭkcio**: Ĉu vi havas hejme iun esperantaĵon kiun vi ne plu bezonas, kaj kiun vi deziras donaci al la movado? Ni havas la perfektan okazon por ke via donacemo trovu la ĝustan lokon! Ni organizos kongresan aŭkcion.

Alportu ion ajn kion vi trovos interesa por aliaj kongresanoj. Librojn kiujn vi jam legis, diskojn kiujn vi ne plu aŭskultas, memoraĵojn kiujn vi alportis el aliaj landoj, kaj kiujn vi sufiĉe ĝuis, kuriozaĵojn kiujn vi deziras proponi al aliaj, verdajn ŝtrumpetojn, dorsosakojn kun steloj, afiŝojn kun belaj esperantistoj, pentritajn ŝtonojn de la berlina muro aŭ amajn leterojn de Dr. Zamenhof. Eĉ ne necesas ke la konekso al Esperanto estos tro proksima.

La celo de nia aŭkcio estos triobla. Ĝi ebligos ke vi seniĝu de materialo kiun vi jam sufiĉe ĝuis. Ĝi feliĉigos alian amikon kiu ĉiam sopiris je ĝi. Kaj ĝi helpos kovri la elspezojn en la kaso de la kongreso (sed tiu ĉi certe estos la malplej grava). Aĥ, kaj kvara celo: ni espereble pasigos amuzan horon.

Ne estas devige aĉeti ion ajn, sed ne forgesu vian monujon en la ĉambro: vi certe trovos aĵojn interesajn, je tre enviinda prezo.

Mastro de ceremonioj estos Toño del Barrio. Se eble, kontaktu lin antaŭ la kongreso, aŭ dum la unuaj tagoj, por faciligi la organizadon. Kaj se vi deziras kontribui, sed bedaŭrinde ne povos ĉeesti la kongreson, kontaktu nin: ni trovos la manieron ke viaj ŝrankoj ne plu minacu krevi.

Ne forgesu ke, por tiuj, kiuj povos ĝui liberan tagon la 2an de majo, ni organizos etan post-kongreson. Ni planas viziti la natura parko **Tablas de Daimiel**, ekzemplero de la tiel nomata "malseka Manĉo" kaj privilegia haltejo por birdoj en ilia ĉiujara migrado al/el Afriko. Birdoŝatantoj ne maltrafu tiun ŝancon! Por aliĝi al tiu ekskurso, bonvolu antaŭe anonci vian ĉeeston al la organizantoj.

Kaj jen ĉio, kion ni planas ĝui dumkongrese! Ni elkore esperas kaj deziras ke ĝi iĝu neforgesebla travivaĵo por vi. Kompreneble, ĉiu kontribuo aŭ propono estos bonvenita, kaj ni restas je via dispono kaze ke vi bezonu plian helpon aŭ informon pri la organizado de nia kongreso ĉe la retadreso admin@esperanto.es.

Ĝis baldaŭ, en Almagro!

***Fotoj kaj teksto: Loka Kongreso Komitato***

# DU KULTURAJ PROGRAMEROJ DE LA RIĈ-ENHAVA VENONTA HEF-KONGRESO EN ALMAGRO

La pasintjara HEF-kongreso brilis pro la allogo, alta kvalito kaj diverseco de la prezentitaj programeroj. Tion eksciinte, multaj hispanaj e-istoj bedaŭris, ke ili fordormis tian mirindan okazon. Aliflanke, la alta nivelo atingita faris pli malfacila la taskon kontentigi nian kolegaron sekvakongrese. Niaj kuraĝaj amikoj de Esperantista Kastili-Manĉa Asocio entuziasme alfrontis tian defion kaj, se juĝi laŭ iliaj prepar-laboroj kaj proponoj, sendube ne desapontos nin kaj staros je la alto de niaj esperoj kaj de la graveco de nia 125-jara jubileo pri la naskiĝo de esperanto.

Tial mian modestan partoprenon en la organizado de du el la programeroj de la 71a HEF-kongreso en Almagro mi juĝas vera honoro.

## Dudekjariĝo de la Ibera Skolo

La unua el ili havas festan, datrevenan karakteron. Temas pri la dudekjariĝo de la t.n. Ibera Skolo, grupo da iberiaj beletristoj, kiu, ŝprucinte en 1992, kadre de la 52a HEF-kongreso en Merido, produktis(as) kolektivajn kaj unuopajn verkojn rigardatajn renovigaj kaj valoraj en la panoramo de la E-kulturo.

Kadre de la naciaj literaturoj, oni kutime arigas verkistojn laŭ generacioj. En Esperantujo oni preferas paroli pri skoloj. La nomo *Ibera Skolo* fariĝis jam konata en la esperanta beletra mondo. Kaj, kompreneble, ni iberaskolanoj ne malŝatas ĝin. Ja nin honoras ricevi tian konsideron. Sed ni preferas la pli surteran, la pli modestan nomon *Ibera Grupo*, kiun familiare ni aludas per *la grupo*. Nin ĉiam cementis kundividataj konstatoj, zorgoj kaj pasioj, la intenco alporti nian iberian animon al la esperanta kulturmondo kaj reciproka admiro neniel umbilikisma aŭ klaneca. Ĉiam ni montris nin apertaj al kiu ajn volis dividi kun ni nian vinon kaj nian panon. Ĉiam la popolo –ni estas popolo kaj tio nin fierigas– konsistigis centron kaj celon de nia agado.

Dum la lasta dudeko da jaroj, ni kunspertis tiom da belaj momentoj kaj interesaj travivaĵoj, ke ni deziras tion festi kun vi, kadre de nia kongreso. Ni kalkulas je la ĉeesto de pluraj membroj de la *Ibera Grupo*: Abel Montagut (aŭtoro de *Poemo de Utnoa*, unu el la plej gravaj beletraĵoj en la historio de la E-literaturo), prezentos amuzan kartludon, *Talismanoj*, en rilato kun E-verkistoj kaj invitos nin ĉiujn al kunludado. Liven Dek prezentos faskon da alte interesaj verkoj, el kiuj aparte emfazindas la nova eldono de lia E-kurso *Esperanto. Curso del idioma internacional* kaj lia entuziasme ricevata kolekto da mikronoveloj *Ne ekzistas verdaj steloj*. Jorge Camacho kaj mi mem historiumos kaj anekdotos pri la grupo. Kaj, kun la helpo de Ana Manero, deklamos la kontribuojn de diversaj kolegoj –kia honoro!, kia lukso!–, kiuj, kvankam ne fizike, ja spirite akompanos nin en nia festo: la islandano Baldur Ragnarsson, rigardata la plej eminenta el la vivantaj E-poetoj, la ĉina avangarda lirikisto Mao Zifu, la itala verkisto Giulio Cappa kaj nia portugala kungrupano, nia frato per la poezio Gonçalo

Neves, kiu, bedaŭrinde, ne povos veni al Almagro. Fine, la juna itala poeto Nicola Ruggiero, reprezentanto de la plej nova ondo en la E-poezio, honoros nin per sia ĉeesto kaj, krom deklami siajn poemojn kaj festprelegi pri Islando, kie li loĝadas, prelegos pri *Poemo de Utnoa*, de Abel Montagut, kaj pri *La infana raso*, de William Auld.

## Omaĝo de la e-istoj al la teatro en la teatrama urbo Almagro. Kolektiva spektaklo Vivu la teatro!

Jam de nia naskiĝo kiel grupo ni strebis al kolektiva laborado kaj al rekta kontakto kun la publiko. Ĉe la prezento de la unua el niaj kvaropaj verkoj, la poemaro *Ibere libere*, kadre de la Valencie okazinta 78a Universala Kongreso de Esperanto, mi jene resumis nian konceptadon de poezio:

*Ni intencas plipotencigi la parolan poezion. Ĉar ni amas la parolon. Ĉar ni konscias, ke centoj da grandiozaj poemlibroj ŝimas forgeseje, ne agordinte sin kun la internaj kordoj de iamaj legantoj, dum ili ja kapablus levi tiajn homojn en la sepan ĉielon per la viviga efiko de la parolo. Ĉar nin ebriigas la rekta kontakto kun la publiko, la magia interfluo de sensacoj inter deklamanto kaj ties aŭskultantaro. Ĉar ni konvinkiĝis, ke ĉi-epoka poeto iel devas trubaduri. Kaj ĝuste tia konvinko generis la Lirikajn Festojn de HEF.*

En la tiamaj lirikaj festoj ni disvolvis kelkajn projektojn de kunmeto de diversaj esprim-rimedoj –deklamado, muziko, ĥoraj kaj solistaj kantoj, lum- kaj son-efektoj ktp...– en poezian tuton, sed mankis unu plia paŝo, horizontaligi la prezentadojn, fari, ke ne nur poetoj, artistoj aŭ rapsodoj rolu, sed ankaŭ simplaj amantoj aŭ gustumantoj de poezio. Fari, ke la simpla esperanta popolo sentu la poezion kiel sian propraĵon. Fari, konstrui, enscenigi kolektivan spektaklon, kie spertaj kaj nespertaj rolantoj kunludadu... Nu, ĉi revon ni efektivigos en Almagro. Jen kiel –kun nur kelkaj ŝanĝetoj– mi, pere de niaj ret-forumoj, min turnis al nia diligenta kolegaro:

*Gekaraj:*

*Kiel vi scias, la venonta HEF-Kongreso okazos en Almagro (Ciudad Real) de la 27a de aprilo ĝis la 1a de majo. Kaj, kiel multaj el vi scias, unu el la identigaj trajtoj de tiu urbo estas la teatro. La "Corral de Comedias (Teatro-korto) de Almagro", 17a-jarcenta korto, kiu bone bildigas unu el la eblaj spacoj uzataj por teatraj spektakloj en la Ora Epoko, tutmonde konatas kaj nuntempe ŝatatas kiel ejo perfekta por ĝui klasikajn teatraĵojn en la atmosferoj materia kaj spirita, kie ili disvolviĝis tiuepoke. Same renomas la ĉiujare organizata Internacia Festivalo de Klasika Teatro en Almagro.*

*Sekve, ni esperantistoj ne devus fordormi la okazon priomaĝi teatron kongres-kadre, des pli, ke tio donus al nia afero plian eĥon, eble allogan, ĉe oficialaj instancoj. Nu, tiun proponon fare de madrida kompano mi transprenis entuziasme kaj cerbumis pri la laŭeble plej oportuna kaj partopren-instiga maniero tion realigi.*

*Sendepende de aliaj eblaj spektakloj fare de spertuloj en la almagra kongreso, mi ŝatus aranĝi ion malpli profesiecan, pli multope kunrolatan de komunaj e-istoj, pli festan... Nia diseco ne permesus al ni munti formalan teatraĵon, sed eblus, ke ĉiu el la interesatoj en*

*persona omaĝo al la teatro preparu mem ne longan poemon (preferinde el E-poeto) aŭ etan monologon (preferinde el la propra kapo) aŭ humuraĵon... por voĉlegi aŭ reciti. Aŭ kanton. Aŭ... ion ajn spektindan kaj dignan. Tiel ni kreus kolektivan spektaklon, kiu povus amuzi la rolantojn kaj, verŝajne, eĉ la spektantojn. Ni kalkulas je la partopreno de Laura Pascual, juna madrida aktorino, kiu, kvankam nur antaŭ kelke da monatoj komencis lerni esperanton, kuraĝos enkapigi al si tekstojn el Federico García Lorca en traduko miapluma por enscenigi draman pecon kiel kulminon de nia opa prezentado.*

*Do ĉiu kongresonto ema kontribui al tia spektaklo estas petata rete min kontakti por sciigi min pri siaj projektoj.*

Ne malmultaj geamikoj plej volonte aliĝis al la ideo. Entute, dek ses homoj el diversaj landoj rolos en nia prezentado! Ĉiu el ni kvazaŭludos personon de nekonvencia opa teatraĵo, kie kunekzistos poemoj, rakontoj, kantoj, monologoj... Kia plezuro!

Alveninte al interkonsento kun la aliĝintoj pri la de ili ludotaj tekstoj, mi verkis kunligan rakontfadenon, deklamotan de Ana Manero kaj mi mem kiel gvidantoj de la kolektiva spektaklo Vivu la teatro!, per kiu ni, kiel dirite, celas kaj priomaĝi teatron en la teatrama Almagro kaj efektivigi jam de longe nutratan revon: ope traĝui komunan propraĵon: poezion. Kiom da belo!

Sanon kaj poezion! ***Miguel Fernández***

# NOTICOJ

Okaze de la 125-jariĝo de Esperanto, la Nacia Biblioteko de Hispanio organizis bibliografian ekspozicieton pri Esperanto, kiu enfokusiĝas sur la esperantaj eldonitaĵoj aperintaj nialande.

La ekspozicio okupas la kvar vitroŝrankojn situantajn inter la halo de la Biblioteko kaj la ĉambreto kiu donas eniron al la ĉefa lego-salono. Oni aliras ĝin per la ĉefa enirejo, sed bezonatas havi leganto-karton. Tamen, akiri ĝin estas tuja kaj senpaga. La ekspozicio daŭros ĝis komence de majo. Vizitu ĝin se vi troviĝas en Madrido dum tiu tempo! (Vi povas profiti por konatiĝi kun la bela lego-salono de la biblioteko -ĉar vi jam disponos la bezonatan karton-, aŭ por viziti aliajn interesajn ekspoziciojn).

Ĉi iniciato de la Nacia Biblioteko ja dankindas, ĉar ĝi helpas diskonigi la verkojn, kiujn en Esperanto aŭ pri Esperanto oni eldonis en Hispanio.

Cetere, en 2012 oni jubileas ankaŭ la 300-jariĝon de la Nacia Biblioteko, bona okazo por sendi al ĝi gratulon pere de Facebook aŭ Twitter pro ĝia datreveno kaj pro la iniciato en rilato al nia lingvo. Ne hezitu fari, la organizantoj atendas lavangon da reagoj!

Jen kelkaj rilataj ligoj:

Bibliografiaj ekzpozicioj de la Nacia Biblioteko: http://www.bne.es/es/Servicios/InformacionBibliografica/ExposicionesBibliograficas/index.html

Nuna ekspozicio: 125 jaroj da esperanta kulturo: http://www.bne.es/es/Servicios/InformacionBibliografica/ExposicionesBibliograficas/ExposicionesBibliograficas2012/index.html

300-jariĝo de la Nacia Biblioteko: http://www.bne.es/es/Tricentenario/

La Nacia Biblioteko en Facebook: http://www.facebook.com/bne

La Nacia Biblioteko en Twitter: http://twitter.com/#!/bne_biblioteca

Bonvolu helpi diskonigi la informon.

Korajn salutojn!

***Ana Moreno***

## RENKONTIĜO EN TOLEDO

La 11-an de februaro, por akompani la lernantojn de la kurso de Esperanto ĵus finiĝinta tie, dudeko de esperantistoj kunvenis en Toledo. Ili venis el aliaj provincoj de la regiono Kastilio-Manĉo, el Madrida regiono kaj el Ekstremaduro. Ankaŭ estis rimarkinda la ĉeesto de pluraj eksterhispanianoj, ĉu nuntempe loĝantaj en Hispanio, ĉu vizitantaj la landon, kaj konkrete el Usono, Kubo, Maroko kaj Francio.



Renkontiĝo en Toledo

Oni profitis por fari kvazaŭ kunvenon de la Esperantista Asocio de Kastilio-Manĉo, regiono ĝenerale ne tre favora al nia lingvo ĝis nun, sed kiu dum la lastaj jaroj spertis atentindan kreskon de la movado kaj la intereso al la lingvo.

Ĝi estis adekvata prologo al la venonta Hispana Kongreso de Esperanto en la tiuregiona urbo Almagro, la dua en la regiono post tiu de Kvenko (Cuenca) en 2008. HEF certe esperas ke tiu kongreso taŭgos por la definitiva firmigo de la esperantista movado en la lando de Donkiĥoto.

## NOVA EKSPOZICIO EN LA ESPERANTO-MUZEO

La 28an de januaro estis inaŭgurita nova ekspozicio en la Hispana Esperanto-Muzeo situanta en la urbeto Sant Pau d'Ordal (municipo de Subirats, pro kio ĝi estas nun oficiale nomata Muzeo de Esperanto de Subirats), je 50 km de Barcelono.

La ekzpozio, kun la titolo "Somera semajno post la Tragika Semajno", temas pri la 5-a Universala Kongreso de Esperanto, kiu disvolviĝis en septembro de 1909 en Barcelono, kaj en la socia etoso en kiu ĝi okazis, malmulte da tempo post gravaj sociaj malordoj, kies centro troviĝis ĝuste en Barcelono, kaj kiuj kaŭzis dekojn da mortintoj.

La Muzeo de Esperanto de Subirats estis kreita de Lluís Hernández Yzal, dum multaj jaroj vicprezidanto de HEF, kiu dum sia tuta esperantista vivo kolektis imponan aron da ĉiaj materialoj rilataj al nia lingvo. Post ioma stagnado, okaze de la morto de la fondinto, lastatempe la Muzeo estis reviglígita danke al la kunlaboro de la Urbestraro, Kataluna




Esperanto-Asocio, grupo de volontuloj kaj precipe la familio mem.

La komisaroj de la ekspozicio estas Rafael Hernández (filo de la fondinto) kaj Josep Tubau. La inaŭguron partoprenis la historiisto Antoni Dalmaui, la skabeno pri kulturo de Subirats, **Lluís Ràfols**, kaj la urbestro, Sinjoro **Pere Pons**.

## 125-a DATREVENO DE ESPERANTO EKSPOZICIO EN KVARTALO SALAMANCA DE MADRIDO

Inter la 1-a kaj 14-a de marto, Madrida Esperanto-Liceo organizis ekspozicion pri Esperanto en Madrido, en la Kultura Centro Buenavista (Avenuo de los Toreros, 5, distrikto Salamanca). La ekspozicio utiligas la panelojn kreitajn de HEF okaze de la 150a datreveno de la naskiĝo de L. L. Zamenhof, kaj kiujn oni montris en antaŭaj okazoj en Madrido kaj en aliaj urboj.

La ekspozicio estIs formale inaŭgurita la lundon, 5-an de marto, je la 6,30 vespere, per prelego de José Antonio del Barrio, prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio,



José Antonio del Barrio, prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio

kun la titolo "La fenomeno Esperanto, 125 jaroj da alitipa komunikado".

## BITOTEKO EN "HISPANA"

Hispana estas projekto de la Ministerio pri Edukado, Kulturo kaj Sporto de Hispanio celanta arigi la hispanajn bitkolektojn de arĥivoj, bibliotekoj kaj muzeoj, inter kiuj elstaras la bitotekoj de hispanaj universitatoj kaj de la Aŭtonomaj Komunumoj. Hispana plenumas do, je nacia nivelo, la samajn funkciojn ol Europeana, kaj ĝi kolektadas ĝis nun la dokumentojn de 162 bitotekoj. Nun ankaŭ troviĝas tie Bitoteko, la reta arĥivo kaj biblioteko de HEF: http://hispana.mcu.es/es/comunidades/registro.cmd?id=1808. Tio signifas pli da videbleco por ni ĝenerale, kaj la pli konkretajn avantaĝojn ke eblos aliri niajn dokumentojn rekte el la ministeria retejo kaj fari serĉon en ĉiuj kolektitaj bitotekoj samtempe.

## BIOGRAFIO DE MANGADA EN LIBRO DE LA MINISTERIO PRI DEFENDO

Fine de pasinta jaro aperis libro eldonita de la Ministerio pri Defendo de Hispanio, kun biografioj de 25 profesiaj militistoj kiuj defendis la Respublikon dum la civila milito en nia lando.

La libro nomiĝas "25 militares de la República", kaj enhavas la biografiojn de homoj sufiĉe diversaj, sed kun tiu komuna eco: ke ili konserviĝis lojalaj al la legitima registaro en tiu malfacila momento de la historio. Kelkaj el ili estas sufiĉe konataj en fakaj medioj, sed la plejmulto apenaŭ ricevis atenton de la ĝenerala publiko, post la forgeso kiu falis super ilin dum la reĝimo de Franco.

Unu el la biografiitoj estas nia historia samideano Julio Mangada, kiu dum multaj jaroj estis animo de la esperantista movado en Hispanio. Lian biografion verkis la nuna

prezidanto de HEF José Antonio del Barrio.

Estas en ĝi pluraj aludoj al la esperantisteco de Mangada, kvankam en la fina procezo de eldonado forfalis unu ĉapitro specife dediĉita al lia movada aktivado kaj al lia verkado.




En la verko aperas ankaŭ biografio de alia esperantisto, la generalo Emilio Herrera, pioniro de la aviado, kaj kiu dum la postmilito deĵoris kiel ministro kaj eĉ ĉefministro de la respublika registaro en ekzilo.

La libro estas aĉetebla en la Servo pri Publikigaĵoj de la Ministerio pri Defendo.

## HEF PETIS LA KONSERVON DE LA REKONO DE DE RAMÓN FERNÁNDEZ JURADO EN CASTELLDEFELS

Dum la lastaj semajnoj alvenis novaĵoj pri la planoj de la urbestraro de la urbo Castelldefels (provinco Barcelono) forigi la nunan nomon de la centra biblioteko, kiu nun omaĝas nian historian samideanon Ramón Fernández Jurado, kaj, profitante la translokigon de la ejo, nomi ĝin simple Centra Biblioteko.

Kiel estas konate, Fernández Jurado, estis manlaboristo, kiu kapablis akiri gravan kulturon, kaj verkis en la hispana, la kataluna kaj Esperanto, kaj multe agados por nia lingvo. Li aktivis politike antaŭ kaj dum la milito, kaj ankaŭ poste, kaŝe dum la reĝimo de Franco kaj dum sia ekzilo. Post la fino de la diktaturo li aliĝis al la Socialista Partio, estis skabeno de Castelldefels kaj deputito en la Aŭtonoma Parlamento de Katalunio, kvankam li mortis tuj post sia enpostenigo.

Hispana Esperanto-Federacio decidis adresi sin al la urbestro de Castelldefels, sinjoro Manuel Reyes, por konigi al li kaj al la ceteraj urbestraranoj, la multajn meritojn de nia samideano, kaj por peti ke oni konservu ties nomon por la biblioteko. Ni interalie atentigis pri la karaktero de nia samideano, kaj pri la efiko por la diskonigo de la urbo, eĉ ekster Hispanio, kiun povas havi la nomon de




samideano en tiel elstara konstruaĵo.

La Magistrato respondis nin, klarigante kaj pravigante sian decidon pri la ŝanĝo de titolo, kaj aldonante ke la omaĝo ne tute perdiĝos, ĉar la ĉefa salono de la biblioteko ricevos la nomon *Sala Ramón Fernández Jurado*, liamemore.

Estas tamen la opinio de Hispana Esperanto-Federacio, ke, eĉ se ni dankas la respondon kaj la partan konservon de la nomo de nia samideano, la decido ne estas ankoraŭ sufiĉa, kaj ne atingas la elstarecon kiun antaŭe havis la omaĝo al multmerita homo, kiu tiel kapablis leviĝi super sia modesta socia nivelo kaj rigardi super bordoj kaj kulturoj.

# NOVAJ LIBROJ

Dum la venonta HK en Almagro, Miguel G. Adúriz prezentos 4 novajn librojn:




1) "Ombroj sur verda pejzajxo" de Manuel Llano (10a numero de la libroserio Hispana Literaturo) [vidu la kunsenditan bilddosieron]

2) "Tridek kantoj el la hispana lingvo" de Svena Dun.

3) "Esperanto -- Curso básico" de Miguel Gutiérrez Adúriz

4) "Ne ekzistas verdaj steloj" de Liven Dek, eldonita de Mondial [vidu la aldonitan bilddosieron]







**Beletra Almanako (BA) jam en sia 6a jaro!**

BA estas literatura periodaĵo, lanĉita en septembro 2007, kun 140 ĝis 176 paĝoj. Ĝi aperas trifoje jare.

Redaktas Jorge Camacho (ĉefred.), Probal Daŝgupto kaj István Ertl.

Eldonas Ulrich Becker (Mondial, Novjorko) .

Kun rubrikoj pri i.a. poezio, prozo, eseoj, debatoj, recenzoj, teatro.

Laŭ interkonsento kun UEA, ĝi publikigas verkojn premiitajn en la Belartaj Konkursoj.

Mendu ĉe UEA (katalogo.uea.org) aŭ via libroservo.

Informoj kaj pliaj aĉetebloj ĉe: www.beletraalmanako.com

## KIEL ESTUS EŬROPO HODIAŬ, SE NE EKZISTUS EŬROPA UNIO ?

*Triesto, 9 – 11 majo 2012*

La plimulto de la civitanaro rigardas al la Eŭropa Unio surbaze de propra nacia perspektivo. Multaj jaroj de nacia edukado en la lernejoj enradikigis plifirmigon de nacia identeco, preteratentante la evoluon de tiu paralela, komuneŭropa. Tial, tre malalta procento da personoj konsciiĝas pri tiuj ĉi du aspektoj.

Nacia vido, por la plej granda parto de la civitanaro, baziĝas sur la ordinara amas-komunikilaro, kiu estas la ĉefa informada fonto pri Eŭropa Unio. Oni eklernas taksi la diversajn informojn per la lenso de siaj naciaj interesoj, subtenante tion, kio laŭ propra vidpunkto pli favoras, kaj kontraŭstarante tion kio - ŝajne - privilegias la intereson de aliaj nacioj.

Tiu ĉi projekto celas subteni ian perspektivan ŝanĝon rilate al ĵurnalista informado, ene de longdaŭra periodo, kaj la konstruadon de pli novaj perspektivoj, baziĝantaj sur la eŭropa identeco de la civitanaro.

Tiu ĉi konferenco "Kiel estus Eŭropo hodiaŭ, se ne ekzistus Eŭropa Unio?", okazonta en Triesto de la 9a ĝis la 11a de majo 2012, alcelas precipe junularon, ĵurnalistaron, scienculojn, politikistojn kaj ne-registarajn Organizojn. La temo devus kuraĝigi la partoprenontojn prikonsideri Eŭropon laŭ tuteŭropa, transnacia, vidpunkto, kaj prezenti niajn komunajn eŭropajn historion kaj politikon en komprenebla maniero por ĉiu ajn. Krome la partoprenontoj devus laŭiri novajn vojojn favorantajn la kunlaboron inter ĵurnalistoj kaj sektoroj de la civila socio, cele al akiro de pli forta konsciiĝo pri la komuna eŭropa identeco.

La sperton, kiun la civila socio povas transdoni por la evoluo de aktiva eŭropa civitanaro, oni devas serioze prikonsideri.

Estas, tial, nia intenco pritrakti la temon, ĝin rigardante laŭ kvar diversaj vidpunktoj: tiuj politika, historia, ekonomia kaj homrajta.

Por la politika aspekto de la ĉeftemo, jam estas konfirmita la ĉeesto de la eks-Prezidento de Kroatio, Stjepan Mesić, kiu restos en Triesto dum la tuta konferenco, dum oni estas ankoraŭ atendanta la konfirmon de la Slovenia eks-Prezidento Milan Kučan.

Tutcerte venos la Nobel-premiito pri Ekonomiko, prof-ro Reinhard Selten, prof-ro François Grin kaj prof-ro Thomas Jansen, iama Ĝenerala Sekretario de la Eŭropa Popola Partio.

Sekve ni varme esperas, estigi rimarkindan intereson pri tiu ĉi grava evento kaj sukcesi ĝin propagandi plej adekvate kaj oportune.

Ni estas serĉantaj ankaŭ la kunlaboron de ĵurnalistaj lernejoj, de amas-komunikiloj, de ne-registaraj organizoj, je ĉiaj eblaj niveloj (lokaj, regionaj, naciaj kaj eŭropaj).

### *Celata publiko*

Junularo, eŭropa ĵurnalistaro kaj gestudentoj pri ĵurnalismo kaj ekonomio; ne-registaraj organizoj, eŭropaj, en ĉiuj sektoroj.

### *Kunlaborantaj organizaĵoj*

Eŭropa Esperanto-Unio, Brŭelles, Belgio

Triesta Esperanto-Asocio, Trieste, Italia

Društvo za evropsko zavest, Maribor, Slovenia

Društvo za europsku svijest, Velika Gorica, Croazia

Education@Internet, Partizanske, Slovacchia

Ni estas serĉantaj kunlaboron kun aliaj ne-registaraj organizoj, eŭropnivele, ĉefe kun tiuj nuntempe laborantaj enkadre de "Platformo pri civila eŭropa socio por antaŭenigo de multlingvismo", starigita en 2009 de la Eŭropa Komisiono, kaj ene de la "Grupo el eŭropa aktiva civitanaro", kiu ene de la Eŭropa Komisiono interagas kun reprezentantoj de la Programo "Eŭropo por la civitanaro".

***Referantoj***

Konfirmis sian ĉeeston

Stjepan Mesić, Kroatio – iama Prezidento de Kroatio kaj lasta Prezidento de Jugoslavio

Thomas Jansen, Italio/Germanio – iama ĝenerala Sekretario de la Eŭropa Popola Partio en la Eŭropa Parlamento

Małgorzata Handzlik, Pollando – Membro de Eŭropa Parlamento.

Prof. Reinhard Selten, Germanio – Ekonomikisto, Nobel-premiito.

Prof-ro Selten estas konsiderita unu el la ĉef-fondintoj de la eksperimenta ekonomiko, ricevis en 1994 la Nobel-Premion por Ekonomikaj Sciencoj, kune kun John Harsanyi kaj John Nash, por ellaborado de la ludoteorio.

Prof. François Grin, Svislando – Ekonomikisto, Universitato de Ĝenevo.

Fakulo en la lingva kaj edukada kampoj pri ekonomiko, iama vic-prezidanto de la Eŭropa Centro pri minoritatoj, estrara konsilanto en Svislando, Francio, Hispanio, Irlando, Novzelando, Konsilanto en la Eŭropa Komisiono, Eŭropa Konsilio, Monda Banko ktp.

Prof. Mladen Staničić, Kroatio – Ekonomikisto, Universitato de Zagrebo.

Specialisto en la kampo de la makro-ekonomika stabiligado en evoluantaj landoj, direktoro de Instituto pri internaciaj rilatoj, konsilanto de la kroatia Prezidento kaj Ministro por eksterlandaj aferoj.

Prof. Božo Repe, Slovenio – Historiisto, Universitato de Ljubljana.

Fakulo pri moderna Slovenio, Balkanio kaj pri historio de Centra Eŭropo.

D-ro Sean O'Riain, Irlando - diplomato.

D-ro Giorgio Novello, Italio - diplomato.

Prof. Paolo Alessi, Italio - Prezidanto de Centro Unesko en Triesto.

D-ro Pier Paolo Gregori, Italio - Reprezentanto de la Centro pri regionaj volontulaj Asocioj.

Devas konfirmi sian ĉeeston:

Milan Kučan, Slovenio – iama Prezidento de Slovenio.

Oni estas intertraktantaj kun:

Mary Robinson, Irlanda – eksa Prezidento de Irlando kaj jama ONU-Komisaro pri homaj rajtoj.

Dušan Čaplovič, Slovakio – eksa Vic-prezidento de la slovakia registaro.

Pli da informo: http://www.europo.eu/eo/

# LA UNUA POSTMILITA LERNOLIBRO DE ESPERANTO

Dum la jaroj 1936-1939 okazis en nia lando milito kun du partioj, tiuj de defendantoj de la respublika sistemo, oficiale kaj demokrate atingita, kaj tiuj kiuj apogis la militistan puĉon. Esperantistoj ne diferenciĝis de aliaj enlandanoj kaj tial grava parto agis favore al la Respubliko kaj aliaj estis en tiu nomata “naciista” flanko, tiu de puĉantoj. Aparte grava estas memori ke antaŭ la milito funkciis en nia lando grava grupo de profesiaj militistoj kiuj apogis Esperanton.




Ja, estas for de nia nuna celo pritrakti la agadon de tiuj militistoj dum la konflikto. Sekvoj de la milito estis persekutoj, enkarcerigoj kaj pereigoj de tiuj kiuj pensis malsame ol regantoj en difinita loko. Ĉio tia ĝenerale okazis pro ideoj. Estas vero ke foje, kelkaj dekstremaj homoj, eĉ kleraj, havis ian nebulan ideon pri tio kio estas Esperanto kaj ligis la lingvon, kaj ĝiajn parolantojn, eble pro ĝia universalismo, kun socialismaj, komunismaj aŭ anarĥiismaj idearoj. Oni konstatis tiajn dubojn postmilite en tiuj samtempe okazantaj permesoj/malpermesoj disvastigi Esperanton fare de provincaj guberniestroj, kiuj —tiu sence— estis decidpovaj.

La sola fakto pruvanta ian malamikan sintenon fare de venkintoj estas la forigo de stratoj kun nomo Esperanto aŭ D-ro Zamenhof, kvankam mi ree opinias ke tio okazis pro nescio ene de tiu nebula ideo pri Esperanto kaj ĝia iniciatinto, kies familinomo ŝajnis iu plia omaĝo al rus-devenaj homoj. Tamen, restis almenaŭ unu, eble savita de alia esperantista militisto. Pri ĉi temo, mi devas memorigi ke en 1935 okazis forigo de stratoj Zamenhof en Madrid kaj Cádiz, do antaŭ la komenco de la milito kaj ne kiel ĝia sekvo.

La reala fakto estas ke **Esperanto neniam estis oficiale malpermesata** de la reĝimo venkinta la militon. Ĉu en tio influis iu el la tri esperantistajn generalojn? Ĉu influis tiun militiston kiu membris en la unua estraro de Hispana Esperanto-Federacio? Ne konsiderante la eventualan fakton de aliaj simpatiantoj (ni memoru leteron de generalo Moscardó al kataluno S-ro Rocamora). Ĉia kaze, mi min demandas, kial generalo José Perogordo Camacho, vicprezidanto de antaŭ milita Hispana Esperanto-Asocio, kaj post ekziliĝo de ĝia prezidanto, leŭtenanto kolonelo Julio Mangada Rosenörn, ne restarigis la societan ordon per elekto aŭ nomado de alia estraro?

Cetere, oni devas tute klare distingi

persekuton al Esperanto de persekuto al maldekstremaj homoj kiuj parolis esperanton. Aliflanke, ĉiu devas memori ke unu el la decidoj de la "nova reĝimo" estis la forigo de la rajtoj je libera kunvenado kaj asociiĝo, kiuj, tamen, ne estis aplikataj por ĝiaj simpatiantoj. Ĝuste tial, kiam oni decidis aktive agadi por Esperanto, oni bezonis la permeson de koncerna provincestro kaj la decido dependis de persona kriterio.

Radio Castellón EAJ 14 disaŭdigis en 1946 kurson de Esperanto. Tiu kurso okazis sub gvido de S-ro Federico Rivelles Giménez, poste vicprezidanto de HEF, kaj estis la unua publika postmilita kurso de Esperanto, laŭ informis S-ro D-ro Juan Régulo Pérez. Samjare, en Tarrasa ne donis permeson por publika kurso de Esperanto.

Tamen, la 1-a aŭgusto 1939 la milita cenzuro permesis eldoni la unuan postmilitan lernolibron de Esperanto. Ĝi estis la "Gramática, ejercicios y diccionario del idioma internacional auxiliar Esperanto"de S-ro José Anglada Prior.

S-ro José Anglada Prior naskiĝis en Barcelona, la 29-an de aprilo 1893 kaj forpasis en Masnou, kie li somerumis, en septembro 1979. Esperantisto de 1908, li aperigis kvin eldonojn de tiu verko. La unua eldono aperis en julio 1927 (vd. *La Vanguardia*, dimanĉo, 24 julio 1927), en Barcelona, 56 paĝa. Alia eldono aperis en tiu jaro, 1927, kun klarigo "Segunda edición" (dua eldono) kaj ŝajne samformata, 57 p. kaj 19 x 13 cm. En 1935 li aperigis la trian eldonon kun indiko "Tercera edición ampliada e ilustrada" (tria eldono ampleksigita kaj ilustrita) kaj estis 133 paĝa. La kvara eldono, tiu aperinta en aŭgusto 1939, havas kovrilon kiu ege diferencas de la antaŭaj eldonoj. Ĝi ne klarigas eldonon, nek eldonjaron, forigas la esperantan stelon el la kovrilo kaj subtitolas "Método práctico e ilustrado para aprender dicho idioma" (Praktika kaj ilustrita metodo por lerni tiun lingvon) kaj estas ankaŭ 133 paĝa. La kvina eldono anonciĝis en *Boletín* fine de 1960 kiel ampleksigita eldono kaj ĝi estis 164 paĝa, kun aparta eldono, "Suplemento", de novaĵoj. Ĝi aperis kun la sama kovrilo de la kvara eldono; en paĝo 162 mencias jaron 1956.

El tio ni povas kalkuli ke la cenzuro ne permesis (aŭ malkonsilis) la tradician kovrilon kun la esperanta stelo, ĉar kvinpinta stelo eble ŝajnus komunisma pro foresto de koloro. Aliflanke, ne indiki eldonon eble estus ĉr oni volus prezenti "novan" lernolibron, ne ligita kun io antaŭa, kun io respublikana.

Sendube, la informo de D-ro Régulo estis konciza, kvankam li eble deziris prezenti la realan fakton de la disvastigo de esperanto postmilite, kiam li klopodis lernigi Esperanton en la Universitato de La Laguna (Kanariaj Insuloj), kie okazis la dua publika postmilita kurso, poste malpermesata de alia rektoro. Jen la duboj...

***Juan Azcuénaga Vierna***

# NOTOJ PRI LA 70a HEF-KONGRESO *(Kvara parto)*

*(Kiel ni informis en antaŭaj numeroj, jen ni publikigas la kvaran, kaj lastan, parton de la eseo Notoj pri la 70a HEF-Kongreso, aŭtorita de Miguel Fernández. La partoj unua, dua kaj tria aperis, respektive, en la numeroj 394, 395 kaj 396 de Boletín).*

Del Barrio! Kiel metiisme li naturas surpodie! Kiel senĝene li sin turnas al spektantoj! Bele, ke ĝuste li, kvazaŭ profesiulo, gvidis la plej atendatan el la programeroj, la debaton Camacho-Corsetti pri lingvo kaj movado. Kaj prezentis la debatantojn laŭ la maniero uzata ĉe boks-matĉoj: jen, maldekstre, Renato Corsetti, italo, eksprezidanto de UEA, sekretario de la Akademio de Esperanto ktp ktp... partiano de *La bona lingvo*, de Claude Piron, kaj de la finvenkismo; jen, dekstre, Jorge Camacho, hispano, E-verkisto, membro de la Ibera Skolo ktp ktp... aŭtoro de la eseo *La mava lingvo* kaj partiano de raŭmismo.

Ĉi lasta aserto, kvankam ŝerce formulita, efikis kvazaŭ mencio de ŝnuro en dom' de pendigito kaj igis kelkajn el ni iel kanajle antaŭĝui la respondon de la mavalingvano.

Tial, ke la tuta debato, tiel longa kiel interesa, rete spekteblas[1], mi rekomendas la leganton viziti la note indikitan prian retejon kaj traĝui tiun vere unua-rangan eventon.

Lasta programero de la tago: koncerto de Kim J. Henriksen, alinome Kimo. Nia fame konata rok-muzikisto aperis sursceneje ŝarĝita per akordiono, miakomprene unu el la malplej rok-muzikecaj muzikiloj. Mi ŝatis tion. Mi ŝatas kion ajn oni faras celante ne ŝoki sed honeste esplori novajn vojojn. Mi ŝatas la senafektecon de la dano, ties naturan manieron aliri novon per malnovo.

Kimo komencis per kanto al la filo. Bela kanzono, sed mise kantita. Ŝajnis, ke li ludas ĝin por la unua fojo: li forgesis la tekston, ĝin ne povis sinkronigi kun la melodio, perdis la takton kaj la tempon... Kaj tiaj mankoj, kiujn li povus eviti simple per pli da provo-horoj, distie ĝenis laŭlonge de la tuta koncerto.

Ja Kimo estas bona muzikisto sed nebona kantisto. Kaj tio lasta ĉi-terene certe solveblas, se oni nur iom flegas kelkajn detalojn. Ekzemple, lia kvara kanto, *Familio Pork*, interesa komponaĵo kun teksto de Camacho, aŭdiĝis katastrofa, ĉar la parolojn Kimo ne kantis sed prikriis stentore kaj mistone. Tamen, simpla malaltigo de la tonalo je duona aŭ kompleta tono sendube solvintus la problemon. Ankaŭ ne rok-muziko postulas de kantistoj Pavarotti'ajn ecojn. Tute ne. Sed en ĝi eĉ krioj devas esti harmoniaj, kiel evidentigas la ŝatataj ŝrikoj negra-tembraj. Krome, Kimo mem pruvis, ke lia voĉo, kvankam ne superba, povas soni kontentige, kadre de la dana kanzono, kiun li kantis ĝuste antaŭ *Familio Pork*. Kiom da belo! Kiom da viglo kaj jubilo! Kiel lerta akordionado! Ial li elvokis ĉe mi la figuron de Joel Grey –ĉefe kiam tiu kantis la jam senmortan *Willcommen, Bienvenue, Welkome*– ĉe la filmo *Cabaret*, de Bob Fosse.

Simile, la partopreniga *La simio* vidiĝis kabaredeca kaj tre amuzis la publikon.

La unuan pinton atingis *Ska-virino*. Ties orel-plaĉan refrenon (*Ska-virino, venu, dancu kun mi ĝis la nokto- nokto-fin'*) la tuta salono entuziasme ĥoris. Ties Bob-

[1] *La tuta debato rete spekteblas ĉe* http://www.youtube.com/watch?v=kniln-sGf-Y

Marley'ecajn ritmon kaj melodion Kimo saĝe disvolvis en emocia kresĉendo, kie li ekspluatis ĉiujn siajn talentojn. Kaj li sukcesis varmigi la etoson ĝis eksplodo de opa entuziasmo.

Al la dua pinto la dana muzikisto alvenis post nur unu kanto. Kiam li sin turnis al la piano, dise en la salono ŝprucis ekkrioj kun la sama peto: *Sola!* Kaj, kompreneble, Kimo kantis Sola[2] kaj faris delicon al la publiko. Temas pri komponaĵo tre simpla, kun tre simplaj muzikaj elementoj sed tiel bele kaj ĝuste kunmetitaj, ke oni ne povas ne cedi al ĝia sorĉo. Sur orel-dorlota blusa bazo, Kimo prikantas kongresan etoson, kaj la kanto transiĝas en recitadon de la originala kaj de improvizitaj tekstoj laŭaj al la okazo. La publiko kunĥoras la refrenon: tie oni ne povas *senti sin sola, sola, soooola*. Kaj Kimo piane soloas. Ĵaze, filigrane, ne malofte eĉ virtuoze. Kaj oni revenas al la refreno. Kaj tiel plu. Kaj la ensorĉiteco fariĝas ĉiam pli efektiva. Kaj kiam, post iom pli ol sep minutoj, la kanto finiĝas, la publiko volas pli kaj petas plian kanton, pli-an!, pli-an!, pli-an!...

Kimo, videble laca, ne povis tamen ne komplezi al tiel entuziasmigita publiko. Do, farante sian lastan fortostreĉon, li ree ŝarĝis sin per la akordiono kaj lerte, vigle, brile ludis rusece melankolian muzikpecon, kies ritmo, same rusece, akceliĝis poiome ĝis vera deliro.

Kiel ĉiuvespere, ni bierumis kaj vinumis ĉe teraso. Ĉi-okaze, ni konsistigis preskaŭ grandan rondon familian. Temis pri la lasta tago en San Lorenzo. Dum Miguel G. Adúriz kaj mi kunaŭtis al Madrido, pejzaĝen greftis sin la nostalgio.

Hejme, mi aŭskultis la pianpecon *Hispana danco, n-ro 5 (Andaluza)*, de Granados. Kaj, plena de ĝia universo kaj de ĉiuj tiutagaj travivaĵoj, mi sentis min dankema al la kompetentaj kompanoj, kiuj peris tiom da feliĉo.

Dimanĉe, la 3an de julio. Postkongreso en Madrido. Bela brila mateno, kvankam iom varma. Ĉu strange en la ĉefurba somero? La tago ekis per la ĝenerala kunsido de Hispana Esperanto-Federacio en la HEF-sidejo. Oni devis renovigi la prezidanton; la antaŭa, Pedro Hernández, siatempe demisiis pro san-kialoj. Elektiĝis Toño del Barrio. Bona elekto. La ceteraj estraranoj –Félix M. Jiménez Lobo, sekretario, Raúl Martínez Anguita, kasisto, kaj Miguel Hernández kaj Juan Trenado, voĉdonantoj– restis. Kaj du pliaj estis aldonitaj: Miguel Gutiérrez Adúriz, vicprezidanto, kaj Eduardo Berdor, voĉdonanto, ĉi lasta kun la komisio esplori la eblon kongresi venontjare en Zaragozo[3].

Kongresi en Zaragozo!

Ĝuste tie mi debutis kiel ĉeestanto ĉe E-kongresoj... ĉu ne en 1983?... Kaj tie mi spektis prelegon de prof. Régulo Pérez kaj parolis –por la unua kaj ununura fojo– kun Fernando de Diego, la homo, kies linvgo-uzon kaj tradukteknikon mi poste ĝuis, studis, provis markoti en miajn verkojn. Fernando de Diego, la majstro de tuta grupo de E-verkistoj en la Ibera Duoninsulo.

En Zaragozo! Tiukadre, iunokte, Juan Carlos Ruiz Sierra kaj mi promenadis surstrate. Donis plezuron spiri la friskan aeron de la nokto post sufoke varma tago. Subite, logis nin la eĥoj de anim-karesa muziko kaj sorĉa voĉo. Spurante la fonton de tiom da belo, ni revenis sur niaj paŝoj kaj

[2] Tio spekteblas ĉe http://www.youtube.com/watch?v=RQiGSOCgx7c

[3] Finfine, kiel vi ĉiuj scias, la venonta HEF-Kongreso okazos en Almagro, de la 27a de aprilo ĝis la 1a de majo 2012.

eniĝis en la bufed-salonon de pub. Kiam ni envenis en pli internan ĉambron, la bildo nin forrabis: ĉe la centro, sur podio, belega nigrulino –svelta, juna, graciplena–, vera diino el ebono, kantis kiel anĝelo, virtuoze akompanante sin per piano. Sur ŝiaj lipoj, la renoma *Feelings*, ĵaze harmonizita, tuŝis la internajn fibrojn, kiujn neniu antaŭe kapablis eĉ sugesti, surbaze de forto, de sentivo, de aŭtento... Sekvis kantoj, kiujn iam famigis Roberta Flack (*Killing me softly*), Mahalia Jackson, Natalie Cole... sed rekreitaj laŭ la senkompara stilo de tia reĝino de Ŝebao.

Ĉe la paŭzo, Juan Carlos kaj mi aliris ŝin kaptitaj de entuziasmo. Ŝi, tiel senafekta kaj afabla kiel bela, rakontis al ni i.a., ke ŝi, denaska usonanino, jam de longe loĝas en Zaragozo kun la panjo, tiea instruistino pri kant-arto kaj muziko, kaj sciigis nin pri sia projekto viziti Madridon por fari prezentadojn en tiea ĵazejo kaj en televido. Ni donis al ŝi nian telefonnumeron por la okazo, se ŝi povos nin kontakti kaj tiel ebligi nin spekti ŝian ludadon niaurbe, sed tute konsciaj pri la neprobableco de ŝia voko.

Sekvatage, ni revenis kun multaj muzik-amaj gekongresanoj, kiuj konstatis, ke nia entuziasmo tute pravigeblas. Nia diino el ebono dediĉis sian sen-egalan *Feelings* al la esperantaj geamikoj. La salono bolis. Des pli, kiam ŝi finis sian kanton. Siajn kantojn. Kiom da ŝi faris ĉe nia bisado kaj laŭ niaj petoj? Ni aŭskultus ŝin la tutan nokton. Ŝi fariĝis la nekontestebla reĝino de la eksterkongresaj horoj. Kiel unikaj horoj!

Iam en aŭtuno mi ricevis vokon de Juan Carlos. "Ŝi estas en Madrido kaj ĵus telefonis!!!" En la kvar kvin tagoj, kiam ŝi prezentis sin ĉe *Arenal Jazz Club*, tiama templo de ĵazo en Madrido, Juan Carlos kaj mi ĉiunokte venis tien kun diversaj geamikoj, kiuj nepre restis envultitaj de la imponaj arto, beleco kaj personeco de nia reĝino de Ŝebao.

La lastan nokton ne malmultaj figuroj de la hispana ĵazo, i.a. Pedro Iturralde, profesoro pri saksofono ĉe la Madrida Konservatorio, troviĝis tie. Nia nigra stelulino kantis kaj pianis tiel superbe kiel kutime. Kaj, kiel kutime, dediĉis al la esperantaj geamikoj sian *Feelings*. Kiom da jam endormiĝintaj anguloj de mia animo ekzaltiĝas ĉe tiaj rememoroj!

Ĉe la fino de sia prezentado, ŝi descendis el la scenejo kaj sin turnis ne al la lucernoj de ĵazo, kiuj supozeble atendadis ŝin, sed al ni!!! Niaj akompanantoj apenaŭ povis tion kredi. Neforgeseblas ilia ĉiam pli prilumita vizaĝo, laŭ la mezuro, kiel ŝi proksimiĝis al ni. Kaj, kiel ĉiunokte, ŝi eksidis ĉe ni por paroli pri muziko, pri vivo, pri esperoj... Sed ĉi-okaze ŝi volis aparte kunfesti sian lastan nokton ĉe ni: "Kelnero, ĉampanon por miaj geamikoj, mi petas". Pluraj el tiuj ne povis artikulacii vorton kaj plue mirgapas ĉe tia rememoro.

Tielis nia diino el ebono! Ŝi estis Debora Carter, ĵaz-kantistino el Usono tiame loĝinta en Zaragozo... ... ... Kie nun ŝi?

Lasta parto de la HEF-kunsido: petoj, sugestoj, komentoj kaj demandoj. Mi petis senkulpigon. Mian komencan kritikan sintenon mi publike ĵetis en rubujon ĉe la evidento, ke grupo da bravaj junaj madridanoj bele kaj digne organizis riĉ-enhavan altnivelan E-kongreson. Mi bedaŭris nur, ke multaj el la kutimaj HEF-kongresemuloj ial ne venis al San Lorenzo de El Escorial kaj tiel preteris nepreterindajn unuarangajn programerojn.

Je la dekunua ni rendevuis ĉe la madrida operplaco kaj, bone gvidate de Félix Lobo,

ekskursis tra la urbo. Bela promenado. Mirindaj aerfluoj refreŝige kontraŭefikis juliajn sun-karesojn. Fronte al la katedralo, restaĵoj de mezepoka murego. Vere interesa vidindaĵo, kiun ĉiuj ĝuis. Mi disiĝis dume. Mi ne volis deturni la grupon de la antaŭvidita itinero sed ne povis ne viziti mian laikan sanktejon, la *Parketon Boccherini*. Je cento da metroj for de tie, jen ĝi kuŝis bela kiel nuda virgino en sunumiĝo, kiel japana miniaturo, ĉe altaĵo super bordo de la rivero *Manzanares*. La bruoj, la urba agitiĝo restas sube. Tie nur kvieto regas. Tian kvieton, kvankam kun tute aliaj tonaloj, mi spertis, krom tie, nur en hazarde malkovrita, tute nesuspektebla, ĝardeneto ĉe la koro de la londona *City*, kien nepre mi pilgrimas, ĉiufoje, kiam mi reiras Londonen.

En *Parketo Boccherini*, kvazaŭ tranĉaĵo flege farita de la tempo kaj la homo sur arb-abunda monto, kiu descendas al la rivero, sidas fontano kaj staras busto de la majstro Luigi Rodolfo Boccherini, genia komponisto, kies unusola difekto estis lia samtempeco kun Mozarto. Nur tia koincido senigis lin je la renomo, kiun nuntempe li devus ĝui. Memoriga ŝtono sur fona muro de la parko reproduktas jenajn vortojn de Goethe: "Se Dio volus paroli al la homoj, li helpus sin per la muziko de Haydn, sed, se li volus aŭskulti muzikon, sendube li elektus tiun de Boccherini".

Ĉi paradizeton mi ekkonis komence de la okdekaj jaroj kaj fariĝis objekto de kelkaj el miaj verkoj, kiel la novelo *Zampo kaj Selna*[4], kaj verkejo mem, kie mi konceptis kelkajn el miaj poemoj, ekzemple, la jenan dekversan strofon nomatan Nuda virino[5]:

*Klaroskuro. Luna skizo:*
*korpo el saten' kaj bronzo.*
*Sin bruligas, kiel bonzo,*
*mamo-tanĝe, maten-brizo.*
*Ĉe l' rando de la surprizo*
*pudor' kun dezir' turniras.*
*Tremoj de la lipoj diras*
*kion primutas la buŝ'.*
*Kaj ĉirkaŭ ni, en kunkuŝ',*
*lakta voj' da spasmoj giras.*

La promenado pluis tra la Madrido de la Habsburgoj. Kiam ni proksimiĝis al la stratoj kondukantaj al *El Rastro* (La Pulbazaro), kelkaj el ni memoris la francecan manieron (*pülbazago'*), kiel majstro Waringhien prononcis tiun vorton kaj tiel omaĝis lin. Maria Rados amuziĝis. Maria sin konfesis surprizita de la neofta fakto, ke kadre de nia kongreso oni ne krokodilas.

Kaj malgraŭ, ke estis dimanĉo kaj ni preskaŭ dudekopis, ni trovis restoracion kaj manĝis kontentige.

Postmanĝe, disiĝo. Unuj definitive foriris; aliaj, elektis siesti kaj poste rendevui. Handzlik, Valén, Camacho kaj mi preferis besedi (babilronde kafumi kaj/aŭ likvorumi) ĉe la *Germana Bierejo* en atendo de la rendevu-horo. Kaj, kvankam tiun lokon siatempe frekventis Ernest Hemingway, pri li ni tute ne parolis. Ni parolis pri Luis Buñuel, pri lia superba filmo *Un Chien Andalou* (Andaluza Hundo), kiu ĉe sia premiero en 1929 skandalis bonpensulojn –tiujn nun ĝi plue skandalas (feliĉe!)– kaj donis filman

[4] Ĉi verko ricevis la premion Amarilido por la plej bona prozaĵo kadre de la 32aj Internaciaj Floraj Ludoj en 1992.

[5] El la poemaro *El miaj sonoraj soloj (El la sonoraj soloj)*, Miguel Fernández, IEM, Vieno, 1996, 100p.

bazon al la surrealismo: por la unua fojo oni filmis la menson, la subkonscion. Temis pri aŭtenta bildpoemo, kiu rompis muldilojn kaj inaŭguris novan etapon en la artoj. La skripton[6], realigitan de Buñuel kunlabore kun la pentristo Salvador Dalí, mi esperantigis kaj aperigos kadre de la poem-antologio *La Generacio de 1927*.

La rendevuo okazis vespere je la sepa, ĉe la *Cibela-Fontano*. Tie homoj amasiĝis kun slogan-afiŝoj kaj ritme kunĥorataj frapfrazoj. Ne, ne temis pri la lasta programero de la (post)kongreso, kvankam grupo da ankoraŭ restintaj gekongresanoj tie kolektiĝis kune kun la pacaj batalantoj, kiuj kunvokis la manifestacion. Temis pri la hispanaj indignuloj. Pri la protagonistoj de la t.n. *spanish revolution*, kiuj pasintmaje akaparis la unuajn paĝojn de ĵurnaloj kiel *Washington Post*, atingis apogojn de i.a. la junularo franca ĉe la placo *Bastilo* kaj de la greka ĉe la placo *Sintagma* kaj inspiris poste la plej grandan socian mobiliziĝon en la historio de Israelo. Temis pri la bravaj kaj pravaj gejunuloj, kiuj la 15an de majo iniciatis kampadon ĉe *Puerta del Sol* (Sun-Porda Placo) proteste kontraŭ la naneco de la formala demokratio, kiu ne rigardas sampezaj ĉiujn balotojn. Kiu konscias pri la ekzisto de la popolo nur, kiam politikistoj bezonas ĝin ĉe elektadoj. Kiu permesas senmezuran riĉiĝon de malmoralaj spekulantoj, vendantoj nur de fumo, kreantoj de financaj katastrofoj solvataj nur per la ŝvito de la popolo, cetere fremda al tiaj manipuladoj...

*Oni nomas ĝin demokratio, sed ĝi ne estas tio!!!* Jen la plej kunkantata slogano.

Handzlik estis ravita. Ĝis Pollando ne atingis la eĥoj de la *spanish revolution*. Fine de la manifestacio, ĉe la *Sun-Porda Placo*, ni trairis la kampadejon, konversis kun kampadejanoj... Ili apenaŭ povis kredi, ke mi parolas kun polo en esperanto. Des malpli, ke eblas ŝerci, ridi, ironii... nialingve.

Ni vizitis la ĉirkaŭaĵon. Ĉiuplace, grupoj da najbaroj kunsidis asemblee. Kiom da belo! Kiom da esperoj! Ja la 15M-movado redonis al placoj kaj stratoj ties perditan karakteron de publika spaco de la civitanaro. Ĉe la placo *Sankta Ana*, fronte al la *Hispana Teatro*, unu el tiaj grupoj asembleis ĉirkaŭ statuo de Federico García Lorca... Bele, bele, bele! Por Handzlik ĉio ĉi elvokis la spiriton de la Pariza Komunumo... Vivu tia spirito!

Tiunokte la plejmulto ĝisis. Definitive finiĝis la 70a HEF-Kongreso kaj ankaŭ en la noktan pejzaĝon de la urbo greftis sin la nostalgio.

En la mateno de la lundo, krom aranĝi la domon por ke Carmen trovu ĝin bon-orda kaj komforta ĉe sia baldaŭa reveno, mi serĉis en la reto polajn subtekstojn por la filmoj de Buñuel *La forgesitoj, La diskreta ĉarmo de la burĝaro kaj Simono el la dezerto*. Ilin mi trovis. La programoj *Subtitle Workshop* kaj *VirtualDubMod* ilin aldonis al la filmoj. Kiam, en la vespero mi donacis la rezulton al Georgo Handzlik, li, emociita, respondis per bela frazo de Giuseppe Grattapaglia: "Esperantistoj vizitas ne ŝtonojn sed homojn".

Vespermanĝo ĉe galega restoracio. Kiaj manĝoj! Kia vino! Kia kompanio: Chen, Jorge Camacho, Antonio Valén, Georgo Handzlik kaj José Rodríguez! Kia ĝojo!

Post la lastaj brakumoj kaj ĝisoj, mi diluiĝis en la sino de la madrida nokto.

***Miguel Fernández***

[6] skripto: provizora aŭ definitiva antaŭteksto de kultura produkto ("scenaro" en NPIV).

# ASAMBLEA GENERAL ORDINARIA

El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Ordinaria, que tendrá lugar el **domingo 29 de abril de 2012**, a las 9:30 horas (a las 10:00 en segunda convocatoria) en el Palacio de los Condes de Valparaíso, calle Bernardas, 2, de la localidad de Almagro, Ciudad Real, con el siguiente orden del día:

1.- Lectura y aprobación del acta de la anterior asamblea (julio 2011).
2.- Aprobación de las cuentas y Tesorería del 2011.
3.- Aprobación de la Memoria de actividades de 2011.
4.- Informe sobre los socios.
5.- Renovación de la Junta Directiva para el mandato 2012-2016.
6.- Proyecto 2012
7.- Aprobación de las cuotas para el año 2012
8.- Aprobación del Presupuesto para 2012.
9.- Ruegos y preguntas

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por algún otro socio, por favor que envíen un mensaje comunicándolo, indicando claramente el nombre completo del representante y representado, al buzón electrónico admin@esperanto.es, o bien por correo postal a las oficinas de la asociación, antes del 26 de abril.

***El Presidente de HEF - José Antonio del Barrio Unquera***

# ORDINARA GENERALA KUNVENO

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Ordinaran Ĝeneralan Kunvenon, kiu okazos la **29-an de aprilo de 2012 (dimanĉo)**, je la 9:30 horo (je la 10:00 horo dua alvoko), en la Palaco "Condes de Valparaíso", strato Bernardas, 2, Almagro, Reĝurbo, laŭ la jena tagordo:

1.- Legado kaj aprobo de la protokolon de la antaŭa kunveno (julio 2011).
2.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2011.
3.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2011.
4.- Informo pri la anaro.
5.- Renovigo de la Estraro (mandato 2012-2016).
6.- Projekto 2012.
7.- Aprobo de la kotizoj por 2012.
8.- Aprobo de la Buĝeto por 2012.
9.- Sugestoj kaj demandoj.

GRAVA RIMARKO: La membroj de HEF, kiuj deziras esti reprezentataj de iu alia membro, bonvolu transdoni mesaĝon informante pri tio, klare indikante la kompletan nomon kaj de la reprezentanto kaj de la reprezentato, al HEFa retpoŝtan adreson admin@esperanto.es, aŭ per ordinara poŝto al la oficejon de la asocio, antau la 26a de aprilo.

***La Prezidanto de HEF - José Antonio del Barrio Unquera***

# PROTOKOLOJ

## PROTOKOLO ESTRARKUNSIDO 2011-11-27 (RESUMO)

Augusto Casquero sinproponis por esti B-Komitatano de HEF ĉe UEA. La estraro akceptas lian proponon.

Aŭguste okazos itala kongreso kaj estos specifa kunveno pri sudeŭropaj asocioj (gvidata de Renato Corsetti). Se iu HEF-ano partoprenus, estus bone, ke li reprezentus al HEF.

Projekto 2012: Ĝi baziĝos laŭ la agado de pasintaj jaroj: ebleco peti subvenciojn, partopreni en foirojn, fari novajn broŝurojn, seminario pri E-o en iu Universitato, eldoni librojn... Oni devas serĉi kunordiganto por la projekto.

Hispana Kongreso: La HK2012 okazos en Almagro (Ciudad Real), oni aprobas la LKK-on kaj la kotizojn. Nun bezonas kunordiganton por la programo. Pri la HK2013: estas bona ideo komenci esplori eblecojn.

## PROTOKOLO ESTRARKUNSIDO 2012-01-15 (RESUMO)

Por 2012 oni plifortigos la varbadon por HEF, esplorante hispanajn lernantojn en la retpaĝo de “lernu”, kaj elspezante monon se necese.

La buĝeto 2012 havos specifan registron por kovri eblan deficiton de la HK2012. HEF kontrolos la buĝeton de la kongreso por akcepti riskojn nur laŭ buĝeta registro pri decifito.

Oni eldonos libromarkilojn (hispane kaj esperante).

Oni pligrandigos la jaran buĝeton por la interretaj serviloj por la bona funkciado de la “Bitoteko”, kaj oni aĉetos vifian enkursigilon por la oficejo.

## PROTOKOLO ESTRARKUNSIDO 2012-03-11 (RESUMO)

La estraro aprobas la kontojn 2011 kaj la raporton pri aktivaĵoj 2011. Ankaŭ konsentas lasi la saman kotizon ol 2011, po 32,00 €, kaj aprobas la buĝeton por 2012.

La Projekto 2012 temos pri la 125a datreveno de la Unua Libro.

La Ordinara Ĝenerala Kunveno okazos dum la HK2012 en Almagro, dimanĉo aprilo la 29an. Dum ĝi oni renovigos la tutan estraron pro fino de mandato de la nuna (2008-2012).

# KONTOJ 2011

## Perdoj kaj profitoj

| | 2011 | 2010 |
|---|---|---|
| **1. Ingresos Afectos a la Actividad** | **9.772,41** | **6.396,82** |
| b) Prestaciones de servicios *(Venta de libros, Camisetas, Cursos…)* | 447,41 | 445,82 |
| c) Ingresos de Gestión Corriente *(Cuotas y Congresos)* | 9.325,00 | 5.951,00 |
| **4. Aprovisionamientos** | **- 372,86** | **- 1.112,86** |
| a) Consumo de mercaderías *(Libros)* | - 372,86 | - 1.112,86 |
| **5. Otros Ingresos de la Actividad** | **60,00** | **4.512,00** |
| b) Subvenciones, Donaciones y Legados | 60,00 | 4.512,00 |
| **7. Otros Gastos de la Actividad** | **- 8.106,48** | **- 8.629,52** |
| a) Servicios Exteriores | - 8.106,48 | - 8.629,52 |
| *a2) Reparaciones y Conservación* | *- 3,90* | *- 9,00* |
| *a5) Primas de Seguros* | *- 93,65* | *- 89,58* |
| *a6) Servicios Bancarios y Similares* | *- 405,10* | *- 294,77* |
| *a7) Publicidad, Propaganda y Relaciones Públicas* | *- 6.010,89* | *- 6.297,06* |
| *a8) Suministros* | *- 137,73* | *- 129,53* |
| *a9) Otros Servicios* | *- 1.455,21* | *- 1.809,58* |
| b) Tributos | - | - |
| **A.1) RESULTADO DE LA ACTIVIDAD** | **1.353,07** | **1.166,44** |
| **14. Ingresos Financieros** | **56,66** | **80,27** |
| b2) De Instrumentos Financieros en Terceros | 56,66 | 80,27 |
| **15. Gastos Financieros** | **- 2,70** | **- 6,10** |

| | | |
|---|---|---|
| b2) Por deudas con terceros | -<br>2,70 | -<br>6,10 |
| **A.2) RESULTADO FINANCIERO** | 53,96 | 74,17 |
| **A.3) RESULTADO ANTES DE IMPUESTOS** | 1.407,03 | 1.240,61 |
| **A.4) RESULTADO PROCEDENTE DE OPERACIONES CONTINUADAS** | 1.407,03 | 1.240,61 |
| **A.5) RESULTADO DEL EJERCICIO** | **1.407,03** | **1.240,61** |

**Bilanco je 31-12-2011**

| **ACTIVO** | **2011** | **2010** |
|---|---|---|
| **A) ACTIVO NO CORRIENTE** | **62.390,91** | **62.390,91** |
| **II. Inmovilizado material** | **62.390,91** | **62.390,91** |
| **1. Terrenos y construcciones** | **60.101,21** | **60.101,21** |
| 211. Construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| **2. Otro inmovilizado material** | **2.289,70** | **2.289,70** |
| 232. Biblioteca | 2.289,70 | 2.289,70 |
| **B) ACTIVO CORRIENTE** | **37.210,95** | **36.375,31** |
| **II. Existencias** | **3.695,75** | **2.797,61** |
| **1. Comerciales** | **3.695,75** | **2.797,61** |
| 300. Libros y material diverso | 3.695,75 | 2.797,61 |
| **III. Usuarios y Deudores Varios** | **128,00** | **-** |
| **3. Patrocinadores, Afiliados y Otros Deudores** | **128,00** | **-** |
| 447. Socios | 128,00 | - |
| **V. Inversiones financieras a corto plazo** | **23.000,00** | **23.000,00** |

| | | |
|---|---|---|
| **5. Otros activos financieros** | **23.000,00** | **23.000,00** |
| 566. Depósitos constituidos a corto plazo | 23.000,00 | 23.000,00 |
| **VII. Efectivo y otros activos líquidos equivalentes** | **10.387,20** | **10.577,70** |
| **1. Tesorería** | **10.387,20** | **10.577,70** |
| 570. Caja, euros | 483,74 | 273,24 |
| 572. Cuenta en UEA | 31,33 | 131,33 |
| 572. Bancos e instituciones de crédito c/c vista, euros | 9.872,13 | 10.173,13 |
| **TOTAL ACTIVO** | **99.601,86** | **98.766,22** |

| **PASIVO** | **2011** | **2010** |
|---|---|---|
| **A) PATRIMONIO NETO** | **99.601,86** | **98.194,83** |
| **A1) Fondos propios** | **99.601,86** | **98.194,83** |
| **I. Capital** | **98.194,83** | **96.954,22** |
| 101. Fondo Social | 98.194,83 | 96.954,22 |
| **VII. Resultado del ejercicio** | **1.407,03** | **1.240,61** |
| 129. Resultado del ejercicio | 1.407,03 | 1.240,61 |
| **C) PASIVO CORRIENTE** | **-** | **571,39** |
| **V. Acreedores comerciales y otras cuentas a pagar** | **-** | **571,39** |
| **3. Acreedores varios** | **-** | **571,39** |
| 410. Acreedores por prestaciones de servicios | - | 571,39 |
| **TOTAL PATRIMONIO NETO Y PASIVO** | **99.601,86** | **98.766,22** |

# RAPORTO PRI AKTIVAĴOJ EN 2011 (RESUMO)

## 1. ADMINISTRADO

1.1 La estraro parte ŝanĝis: José Antonio del Barrio estas la nova Prezidanto (pro demisiado de Pedro Hernández). Oni elektis ankaŭ du vakajn postenojn: Vic-prezidanto (Miguel Gutiérrez Adúriz) kaj voĉdonanto (Eduardo Berdor). La estraro regule kunsidis.

1.2 Okazis du ĝeneralaj kunvenoj: Ordinara (majo la 20an) por la aprobo de kontojn kaj raporton 2010, kaj Eksterordinara (julio la 3an) por elekti novan prezidanton kaj aliajn estraranojn, ambaŭ en Madrido.

1.3 La plibonigado de la administrado de la asocio daŭris dum 2011: oni aĉetis poŝtelefonon por plibonigi la komunikadajn rimedojn.

## 2. PERIODA ELDONADO

2.1 Oni eldonis kvar numerojn de "Boletín".

## 3. KURSOJ

3.1 Pedro Hernández gvidis kurson en la oficejo de HEF en Madrido.

3.2 Asocioj aliĝitaj al HEF gvidis kursojn en kelkaj urboj tra la tuta ŝtato.

## 4. KONGRESOJ kaj RENKONTIĜOJ

**4.a Organizitaj de HEF aŭ ĝiaj aliĝitaj asocioj**
4.a.1 7ª Iberia Renkontiĝo (IRo) de la 13-a ĝis la 15-a de majo en Sant Andreŭ de Salou, organizita de Kataluna Esperanto Junularo (KEJ)kaj kun kunlaboro de Portugala Esperanto Junularo (PEJ) kaj Hispana Esperanta Junularo Societo (HEJS), junulara sekcio de HEF.

4.a.2 70ª Hispana Kongreso en San Lorenzo de El Escorial, 28ª junio-2ª julio. Temo: "E-o 3.0-E-agado en la 21ª jarcento". Okazis prelegoj, kursoj, rondotabloj, turismaj ekskursoj (al Ávila kaj al la Monaĥejo de San Lorenzo), kaj la ekzamenoj KER. Kelkaj programeroj estis elsenditaj interrete. Organizita de HEF kaj MEL (Madrida Esperanto Liceo).

4.a.3 19ª Internacia E-Semajno de la kulturo kaj Turismo en Malgrat de Mar (Barcelono), 1ª-8ª oktobro, organizita de KAE (Kultura Asocio Esperantista).

4.a.4 Decembro: E-asocioj apartenantaj al HEF festis la Zamenhofa Tago tra la tuta ŝtato.

**4.b Partoprenataj de membroj de HEF**

4.b.1 Mediteranea Esperanto-Semajno, okazinta en Agay (Francio), el 26-an februaro ĝis la 5-an de marto, Augusto Casquero gvidis kurson de e-on.

4.b.2 Printempa Renkontiĝo en Hanoi (Vietnamio), Augusto Casquero partoprenis kaj prelegis.

4.b.3 35a Kataluna kongreso de E-o en Barcelono, 28ª-31ª oktobro, organizita de Kataluna Esperanto Asocio (KEA). Temo “Plurlingvismo en Eŭropa Unio”. Partoprenis kelkaj membroj de HEF.

4.b.4 16ª Andaluzia renkonitĝo de E-o en Seviljo, 21-23ª oktobro, organizita de AEU (Andaluza Esperanto Uniiĝo). Partoprenis membroj de HEF.

## 5. DISVASTIGO I: ekspocizioj, prelegoj, foiroj

5.1 30ª marto, Manuel Pancorbo prelegis pri E-o en la sidejo de Ruĝa Kruco de Galapagar (Madrido).

5.2 16ª-29ª aprilo, ekspozicio de la Paneloj en Madrido (Kultura Centro Eduardo Chillida, kvartalo Moratalaz), organizis MEL.
5.3 20ª majo-2ª junio, ekspozicio de la paneloj en la Kultura Centro “Viñagrande” de Alkorkono (Madrido), organizis MEL.
5.4 2ª junio, prelego pri E-o en la Kultura Centro “Viñagrande” de Alkorkono (Madrido)
far José Antonio del Barrio.

5.5 28ª junio-2ª julio, ekspozicio de la paneloj en San Lorenzo de El Escorial kadre de la HK2011.

## 6. DISVASTIGO II: aliaj

6.1 Dum “La Nokton de la Libroj”, la 21an de marto, okazis publika legado de ŝatataj verkeroj fare de laboristoj de la Nacia Biblioteko. Jorge Camacho legis en esperanto kaj en sia propra hispanigo, la poemon Spuroj de Baldur Ragnarsson
6.2 28an aprilo, tri membroj de HEF partoprenis en la tradicia laŭtlegado de la verko “Don Kiĥoto” en la madrida kulturejo Círculo de Bellas Artes.

## 7. AMASMEDIOJ

7.1 31ª januaro en la ĵurnalo “El Mundo” aperis intervjuo al José Antonio del Barrio pri E-o.

7.2 8ª februaro en Radio Exterior de España okazis intervjuo al José Antonio del Barrio kiel direktoro de la Fundación Esperanto.

7.3 10ª februaro en RNE okazis intervjuo al Pedro Hernández kiel Prezidanto de HEF kadre de la programo “Esto me suena”.

7.4 10ª aprilo Jorge Camacho estis intervjuita pri E-o en Info Radio, Radiostacio de la Universitato Complutense de Madrido.

7.5 28ª aprilo José Antonio del Barrio estis intervjuita en la Radiostacio Círculo de la kulturejo Círculo de Bellas Artes.
7.6 28ª majo aperis raporton pri E-o en kelkaj ĵurnaloj de la Grupo Vocento (“El Correo” de Bilbao, “El Norte de Castilla” de Valadolido, “Diario vasco” de Donostio, “Las Provincias” de Valencia, “hoy” de Badaĥozo, “Sur” de Malago).

7.7 29ª de majo Manuel Pancorbo estis intervjuita pri Pasporta Servo en la programo “La Ventana” de la Radiostacio SER.

7.8 29ª de majo José Antonio del Barrio estis intervjuita en Radiostacio Tentación en la programo “Operación retorno”.
7.9 2ª junio José Antonio del Barrio estis intervjuita pri E-o en la TDT televido Sur-Madrid.

7.10 5ª novembro En TeleMadrid estis intervjuitaj kelkaj e-parolantoj el Madrido: José Antonio del Barrio, Ana Manero kaj Andy Hernández.

## 8. INTERRETO

8.1 Dauxras la plibonigo de la retpagxaro de HEF. Oni konstatis, ke gxi estas esenca ilo por ekstera informado.

8.2 HEJS estas en la “sociaj retoj” Facebook kaj Twitter, kaj HEJS ankaŭ en tiuj du kaj en Tuenti.

## 9. BIBLIOTEKO KAJ BITOTEKO

9.1. Biblioteko Juan Regulo Pérez: Ĝi daŭre estas alirebla de cxiuj, tamen nur HEF-anoj rajtas prunt-preni. La katalogo estas disponebla pere de la HEF-retpaĝo. Dum 2011 novaj ekzempleroj estis aldonitaj al la kolekto.

9.2 Bitoteko: la projekto jam estas sufiĉe matura. Dum 2011 ĝi pliboniĝis strukture kaj teknike, oni aldonis pli da materialo, kaj oni komencis disvastigi ĝian ekzistadon en fakaj instancoj por klopodi akiri ĝian senduban meritan agnoskon. Oni esperas, ke estontece ĉi projekto estos unu el la grandaj “steloj” de HEF.

## 10. ALIAJ AKTIVAĴOJ

10.1 Augusto Casquero instruis e-on al universitataj lernantoj en Vietnamio dum kelkaj monatoj. Dum UK2011 en Kopenhago (Danio) li ricevis el UEA la Diplomon pri Elstara Agado pro sia instruado de E-o en orienta Azio.

10.2 Jorge Camacho estis premiita en la eldono 2011 de la Belartaj konkursoj de UEA dum UK2011 en Kopenhago (Danio) en la branĉo de poezio.

10.3 Kelkaj membroj de HEF kunlaboris kaj partoprenis en la organizado de la unua Esperanta kinofestivalo dum la dua semajno de julio en San-Paŭlo (Brazilo) (http://kinofestivalo.org/video/).

10.4 Kelkaj membroj de HEF daŭre kontribuis al la redaktado de Vikipedio en e-o, ĉu pere de nova artikoloj, ĉu plibonigante iujn jam ekzistantaj.

10.5 Augusto Casquero tradukis en la hispanan, kaj Jesús M. García Iturrioz reviziis, la lernolibron “Esperanto per la rekta metodo” de Stano Marĉek.

10.6 Miguel Gutiérrez Adúriz, Vic-Prezidanto de HEF, membras ankaŭ en la Akademio de Esperanto.

***Originalo subskribita de la sekretario Félix Manuel Jiménez Lobo.***

# BUĜETO 2012

| | |
|---|---|
| **1. Ingresos Afectos a la Actividad** | **7.950,00** |
| b) Prestaciones de servicios *(Venta de libros, Cursos…)* | 1.000,00 |
| c) Ingresos de Gestión Corriente *(Cuotas y Congresos)* | 6.950,00 |
| **4. Aprovisionamientos** | **- 350,00** |
| a) Consumo y variación de mercaderías *(Libros)* | - 350,00 |
| **5. Otros Ingresos de la Actividad** | **1.500,00** |
| b) Subvenciones, Donaciones y Legados | 1.500,00 |
| **7. Otros Gastos de la Actividad** | **- 9.250,00** |
| a) Servicios Exteriores | - 9.250,00 |
| *a2) Rep. Y Conservación (incluído el Escáner)* | *- 1.650,00* |
| *a5) Primas de Seguros* | *- 100,00* |
| *a6) Servicios Bancarios y Similares* | *- 350,00* |
| *a7) Publicidad, Propaganda y Relaciones Públicas* | *- 5.660,00* |
| *a8) Suministros* | *- 175,00* |
| *a9) Otros Servicios* | *- 1.315,00* |
| b) Tributos | - |
| **A.1) RESULTADO DE LA ACTIVIDAD** | **- 150,00** |
| **12. Ingresos Financieros** | **150,00** |
| b2) De Instrumentos Financieros en Terceros | 150,00 |
| **A.2) RESULTADO FINANCIERO** | 150,00 |
| **A.3) RESULTADO ANTES DE IMPUESTOS** | - |
| **A.4) RESULTADO PROCEDENTE DE OPERACIONES CONTINUADAS** | - |
| **A.5) RESULTADO DEL EJERCICIO** | - |

**Federación Española de Esperanto**

Rodríguez San Pedro 13-3º-7 · ES-28015 Madrid · Tel.-914 468 079
www.esperanto.es · correo electrónico: admin@ esperanto.es
CIF: G47 02 63 56

Inscripción o renovación para el año:
2012

**Datos personales**

Por favor, escriba en mayúsculas.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Nombre: | | | Sólo para renovaciones<br>Nº socio: |
| Apellidos: | | | |
| Dirección: | | | |
| Código postal: | Localidad: | DNI: | |
| Teléfono particular: | Teléfono del trabajo: | | |
| Correo electrónico: | | Año de nacimiento: | |

**Categoría de socio**

Todos los socios reciben la publicación Boletín (4 números al año).

Marque con una **X** la categoría elegida:

| Categorías | | Modalidad | Euro | X |
|---|---|---|---|---|
| OM | Socio ordinario | | 32,00 | |
| KM | Socio colectivo | | 64,00 | |
| PM | Socio protector | | 64,00 | |

**Forma de pago**:

Domiciliación bancaria (cumplimente y envíenos el impreso adjunto).

Otras formas de pago ( - sólo en casos excepcionales -)

Ingreso en la cuenta 0182-1252-31-0204.011.961 del banco BBVA (adjunte comprobante).
Ingreso en la cuenta hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (adjunte comprobante).
Pago en efectivo en la oficina de la asociación.

Fecha :　　　　　　　　Firma :

En cumplimiento de la Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal, le informamos que sus datos están incorporados en un fichero digital propiedad de la FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO (FEE), cuyo uso es exclusivamente para gestiones internas propias de la FEE, así como para el envío de publicaciones e informaciones relacionadas con el esperanto. Con la firma de este documento, consiente expresamente este uso de sus datos. Le informamos además, que la FEE no cederá estos datos a terceros salvo lo que marque la ley en materia de información a las Administraciones Públicas, y que puede ejercer sus derechos de acceso, rectificación, cancelación y/u oposición, previstos en la citada Ley, dirigiendo un escrito a FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

| | |
|---|---|
| Titular de la cuenta: | |
| Banco o caja: | |
| Dirección de la oficina bancaria: | |
| Código postal: | Localidad: |

**C.C.C.:** entidad ____ sucursal ____ D.C. __ cuenta __________

Muy señores míos:
Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:　　　　　　　　Firma del titular: